# juna amiko





INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO-REVUO

SUB AŬSPICIO DE ILEI

SEPTEMBRO 1973 ★ I-A JARO N-ro 1

AL ĈIU NIA LEGANTO DEZIRAS SUKCESPLENAN LERNO'JARON KAJ PROGRESON EN ESPERANTO!
LA REDAKTISTARO

*Kara leganto,*

*preskaŭ unu jaro pasis de post la prov'numero de Juna Amiko. La esperantista publiko akceptis ĝin varme, tial la Hungara Esperanto-Asocio decidis prove eldoni la revuon en la lerno'jaro 1973—74. Ĝi aperos tri'foje. La nunan numeron sekvos ankoraŭ du numeroj: unu en januaro, kaj unu en aprilo.*

*Se vi sub'tenos nian internacian revuon per abonoj, ĝi nepre aperados regule ekde septembro 1974.*

*Ne perdu tempon! Turnu vin al via landa Esperanto-Asocio, kaj urĝe abonu la revuon Juna Amiko!*

*Ni atendas vian kritikon pri la gazeto!*

*Leterojn adresu al:*
*G. Kurucz*
*Árpád krt. 13. IV. 16.*
*H—6000 KECSKEMÉT*
*Hungario*

# La junularo de la mondo en Berlin

Ankaŭ ili partoprenis la Festivalon, sed iu miksis la sub'skribojn.
Ĉu vi povas aranĝi la subskribojn?
(Solvo sur la 23-a paĝo!)



El pli ol 130 landoj ili venis al *Berlino*, ĉef'urbo de Germana Demokratia Respubliko (GDR).

Ili venis, por parto'preni la X-an Mondan Festivalon[1] de la Junularo kaj Studentoj[2].

Dum tuta semajno (de la 28-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto), pli ol 300 mil junaj homoj interamik'iĝis, partoprenis kulturajn aranĝojn, kaj kompreneble... multe dancis kaj kantis.

Sed la ĉefa motivo[3], kiu unuigis ĉiujn, estis deziro al paca inter'popola amikeco.

Du jarojn post la fino de la dua mond'milito, en la jaro 1947, la ĵus fondita[4] *Monda Federacio*[5] *de la Demokratia Junularo* (MFDJ) invitis ĉiujn junulojn — pretaj mal'ebligi novajn militojn — al la I-a festivalo. Ĝi okazis en *Prago*.

Ankaŭ junaj esperantistoj ofte ĉeestis en la festivaloj. Ilia partopreno jam fariĝis tradicio[6]. En *Moskvo* (1957: la VI-a) kaj en *Sofio* (1968: la IX-a) estis apartaj esperantistaj aranĝoj. Same okazis en *Berlino*.

Preparu vin, eble vi ankaŭ povos partopreni la XI-an festivalon de la junularo!

D. BLANKE

# *Al nia lingvo*

ABC POR KOMENCANTOJ

*Vi, bela lingvo, Esperanto,*
*en mi la penso jam ne mutas*[7]*,*
*parolas sentoj en la kanto,*
*per kiu vin mi nun salutas.*

*Ho, kie estas via lando? —*
*demandas homoj. La respondo:*
*La lingvo-land' de Esperanto*
*jam estas nia tuta mondo!*

*Al tuta mond' vi apartenas,*
*al alto levas vi la Homon,*
*kaj kiu vin en koro tenas,*
*de vi ricevas Belon, Bonon.*

*En homan mondon venas Amo*
*per Nova Sento, kor'muziko;*
*Vi faras Pacon el malamo*
*kaj fraton el la malamiko.*

*Vi donas al mi, Esperanto,*
*kulturon novan kaj laboron...*
*Sed kion donu mi, lernanto?*
*Akceptu mian tutan koron!*

*Julio Baghy*[8]

1. internacian aron da prezentoj, renkontoj/ 2. lernantoj en supera lernejo 3. fundamenta kaŭzo/ 4. kion oni fondis/ 5. daŭra unu'iĝo/ 6. kutimo, kiu elformiĝis ĉe la antaŭuloj kaj pludaŭras ĉe le poste'uloj/ 7. ne havas parol'kapablon/ 8. bagi.

# JU GO SLA VIO



Altaj montoj kaj vasta maro, densaj arbaroj kaj nudaj[1] rokoj[2], akra frosto kaj ĉiama varmo, pra'nepoj de slavoj[3] kaj de Rom'anoj, kaj multeco de lingvoj igas la landon ne'forges'ebla. *Jugoslavio* donas komunan patrion al *serboj, kroatoj, slovenoj, montenegranoj, makedonoj, muzulmanoj,* kaj al kelkaj aliaj naciecoj: *albanoj, turkoj, hungaroj, italoj, bulgaroj, ĉeĥoj* kaj aliaj.

Jugoslavio estas federacio[4], tio estas ligo de ses socialismaj respublikoj: *Serbio* (kun la ĉef'urbo de Jugoslavio: *Beogrado,* 1 miliono 200 mil loĝantoj), *Kroatio* (Zagreb, 700 000), *Slovenio* (Ljubljana, 180 000), *Bosnio* kaj *Hercegovino* (Sarajevo, 250 000), *Montenegro* (Titograd, 45 000), *Makedonio* (Skopje, 230 000) kaj du aŭtonomaj[5] provincoj[6]: *Kosovo* kun Metohio (Priŝtina, 40 000) kaj *Vojvodio* (Novi Sad, 120 000).

Jugoslavio estas mult'lingva lando, en kiu ĉiu homo rajtas libere paroli kaj uzi sian gepatran lingvon. Ankaŭ la skribo'formoj



estas diversaj. Ekzemple, la serboj kaj makedonoj uzas cirilan alfabeton, dum la kroatoj kaj slovenoj uzas latinan alfabeton.

Jugoslavio okupas teritorion[7], en kiu inter'kruciĝas multaj Eŭropaj trans'kontinentaj vojoj. Ĝi estas kvazaŭ ponto inter Oriento kaj Okcidento.

Jugoslavio okupas 255 804 kvadratajn kilometrojn, kaj havas iom pli ol 20 milionojn da loĝantoj. En la sud'okcidenta Jugoslavio situas[8] la belega *Adriatika Maro*. La mar'bordo estas tre riĉa je golfoj[9], kaj pro tio ĝia longeco estas 2,5-oble (legu: du, komo kvin'oble; komo = ,) pli longa (1992 km) ol la fakta longeco de la Jugoslavia Adriatiko (800 km). Pro multaj insuloj, oni nomas la Jugoslavian marbordon *„marbordo de mil insuloj"*. La plej granda insulo estas *Krk* (408 km$^2$).

Grandaj vapor'ŝipoj kaj vel[10]-ŝipoj kursadas[11] tra la maro.

Ne malproksime de *Ŝibenik*, troviĝas la insulo *Kakanj*, kiun la urbo Ŝibenik donacis al la infanoj de la tuta mondo. Ĝi estas proklamita[12] *„La Sepa Kontinento"*, kaj la infanoj ĝuados en ĝi la agrablon de sia „infana respubliko".

Ŝibenik estas fama ne nur pro „La Sepa Kontinento", sed ankaŭ pro la esperantista somerumejo[13] en *Primoŝten* (16 km de Ŝibenik; vidu Primoŝtenon sur la foto!). Ĝi estas al'loga[14] renkontejo de amikoj el landoj de la tuta mondo.

Adriatiko — pro siaj multaj golfoj — enhavas amason da diversaj fiŝoj, precipe de la *„blua fiŝo"*. Sekve, la bord'anoj plej multe okupiĝas per fiŝ'kaptado, kaj ankaŭ per kulturado de vin'ber-ĝardenoj. La Makedonia „nigra" vino estas tre bon'gusta.

En Slovenio el'staras la plej altaj montoj de nia lando: la *Alpoj*, kies plej alta pinto estas *Triglav* (2863 m).

Jugoslavio abundas[15] je arbaroj, minaĵoj[16] kaj divers'specaj karboj. Ekzistas ankaŭ riĉaj trovejoj de nafto[17]. Famaj minejoj troviĝas



precipe en Serbio. La unua atomenergia elektro'centralo[18] konstruiĝas nun'tempe en Slovenio. Hodiaŭ, la iama ter'kultura Jugoslavio estas industria lando en rapida progreso.

La Jugoslaviaj popoloj konservis kaj gardas siajn naciajn morojn[19], kantojn, literaturon kaj kostumojn[20].

Kara juna amiko, la instruado en nia lando certe interesas vin. Por la plej junaj, ĝis la 7-jara aĝo, ekzistas infan'ĝardenoj, kiuj zorgas pri la antaŭ'lerneja edukado. Ekde la 7-a vivo'jaro, la infanoj devige vizitas 8-jaran elementan lernejon. Poste, laŭ'vole, sekvas studado en 4-jara mezlernejo, kaj fine, en alt'lernejo aŭ universitato.

En kelk'deko da elementaj lernejoj de Jugoslavio, la geknaboj lernas Esperanton.

En Jugoslavio ekzistas forta Esperanto-movado, kiun gvidas la *Jugoslavia Esperanto-Ligo*. Ĉe ni aperas kvar Esperantaj gazetoj: *Scienca Revuo, La Suda Stelo, Homo kaj Kosmo* kaj *Juna Ambasadoro*.

Fine de julio 1973, sub alta protektado[21] de prezidento[22] de Jugoslavio, okazis en Beogrado la *58-a Universala*[23] *Kongreso de Esperanto*, kaj sam'tempe, okazis aparta *Infana Kongreseto* por geknaboj (ĝis 14-jaraj), parolantaj Esperanton.

Z. REHORIĈ

LA MONUMENTO AL „NEKONATA HEROO".

JUGOSLAVIO

1. sen'vestaj, sen'arbaraj/ 2. ŝtonegoj/ 3. komuna nomo de rusoj, poloj, serboj, ĉeĥoj k.t.p./ 4. grupiĝo de ŝtatoj/ 5. certa-rilate mem'staraj al la tuto/ 6. partoj de la federacio/ 7. grandan spacon da tero/ 8. troviĝas, kuŝas/ 9. mar'vastaĵoj, kiuj en'iras kontinenton/ 10. vento'tuko/ 11. trafikadas regule inter du lokoj/ 12. kion oni publike el'diris/ 13. somera ripozejo publika/ 14. al'tira per sia agrablo/ 15. estas tre riĉa/ 16. utilaĵoj, kiujn oni prenas el la profundo de la tero, el mino, tio estas el sub'teraj fosaĵoj/ 17. flua minaĵo, el kiu oni produktas ekzemple brulaĵon por aŭtoj/ 18. centra energio'stacio/ 19. ĝeneralajn viv'manierojn de iu popolo/ 20. vestaĵojn/ 21. helpo de tiu, kiu havas povon kaj estimon/ 22. ŝtat'estro/ 23. tutmonda.

KLUBO DE LEGANTOJ

1. redakt'ist'aro/ 2. sekva, kiu venos/ 3. precizan, kun ĉiuj necesaj partoj.

KONKURSO

1. sciigos publike/ 2. agante tiel, ke ankaŭ vi faras/ 3. longeco kaj larĝeco de folio, libro k.t.p./ 4. tiuj, kiuj verkis ion (ĉi tie: bildon).

PROVERBOJ

Afabla vorto pli atingas ol forto.

Inter'konsento estas pli bona ol mono.

## „Klubo de Legantoj"

ABC por komencantoj

La *Redakcio*[1] volas fondi klubojn por la legantoj de *Juna Amiko*. En la venonta[2] numero ni al'portos detalan[3] regularon. Interesiĝ'antoj povas al'iĝi jam nun, antaŭe.

Kvar ĝis ok abonantoj de *Juna Amiko*, el la sama urbo aŭ vilaĝo, formos unu klubon. Ili kun'venos pli-malpli regule, por paroli pri nia gazeto kaj pri ĝia pli'bonigo. Ili ankaŭ ludos kaj sin amuzos laŭ'vole.

Detalaj reguloj aperos en la venonta numero, sed vi povas *jam nun* skribi viajn proponojn al: *s-ro Josef Chvosta*, Engelsova 289, 290 01 PODĚBRADY, *Ĉeĥoslovakio.*

## Konkurso pri desegnaĵoj

ABC por komencantoj

*Vi jam certe rimarkis, ke JUNA AMIKO volas doni ne nur interesajn legaĵojn, sed ankaŭ kun'teni vin ĉiujn. Por atingi tion, ni ofte anoncos[1] diversajn konkursojn. Ni petas vin aktive[2] partopreni ilin. Dankon!*

*Ĉi-foje, ni turnas nin al desegn'em'uloj (pentremuloj). Vi povas libere elekti temon. La formato[3] ne superu 20 x 30 centimetrojn! Zorge paku ĝin (aŭ ilin), kaj sendu ĝustatempe al la jena adreso:*

S-ro *Géza Kurucz*, Árpád krt. 13. IV. 16.
H—6000 KECSKEMÉT, *Hungario.*

*La plej sukcesaj verkoj aperos en nia gazeto, kaj la aŭtoroj[4] ricevos jar'abonon por JUNA AMIKO. Krome, ni dis'donos multajn donacetojn. Ne forgesu skribi sur la bildo vian nomon, aĝon kaj adreson!*

LIM'DATO: LA 1-A DE JANUARO 1974.

DIETER BERNDT:

# kruciĝas

Sendu nur la vicojn: „DE SUPRE MALDEKSTREN”, ĝis la 15-a de novembro 1973. Inter tiuj, kiuj ĝuste solvos la enigmon, ni lotumos[1] donacojn. Sendu la solvojn al: S-ro *Dieter Berndt*,
Rosenfelder Ring 46,
DDR-136 BERLIN

DE SUPRE DEKSTREN

*1.* Manĝebla produkto de kokino; *2.* Nomo de mono en diversaj Eŭropaj landoj; *3.* Du estas sur la kapo; *4.* Levo al si, malmeto; *5.* La plej malgranda ero de materio[2]; *6.* Ne iri, resti sur loko; *7.* Fermi per seruro[3] *8.* Bon'odora kreskaĵo; *9.* Prepozicio.

DE SUPRE MALDEKSTREN

*3.* Mult'valora metalo; *4.* Peni fari ion, kion oni ankoraŭ ne faris; *5.* Spaco por sport'ludoj; *6.* Ĉiela korpo; *7.* La montoj konsistas el ĝi; *8.* Estas videbla ĉe fajro; *9.* Fluigo de larmoj[4]; *10.* Purigi veston per speciala ilo; *11.* Moviĝi per la piedoj de ia loko al alia.

1. dis'donos laŭ la trafo de la sorto/ 2. ĉio, kio ekzistas kaj konsistigas la korpojn/ 3. aparato, kiu servas por fermi pordon aŭ keston per ŝlosilo/ 4. akveroj, kiuj fluas el la okuloj.

# enigmoj



## La rano kaj la cikonio[1]

Kompatinda[2] rano! Venis la lasta momento, por ke ĝi kaŝu sin de antaŭ la cikonio. La salto'besteto nun certe ne havas tempon rimarki tiujn 8 diferencojn[3], kiuj ekzistas inter la du desegnaĵoj. Serĉu ilin!

(Solvo sur la 23-a paĝo.)



1. vidu la desegnaĵojn! rano: salto'besteto; cikonio: birdo/ 2. malfeliĉa, kiu estas en sen'espera stato/ 3. mal'sam'aĵojn.

---

# Lu du!

Erika Linz: LUDO POR LERNI VORTOJN

El'tranĉu kartojn de ĉirkaŭ 9,5 x 12 centimetroj el dika papero, kaj dividu[1] ĉiun karton en 6 egalajn fakojn! En ĉiun fakon, desegnu (aŭ pentru) unu objekton, ekzemple: sur unu karto 6 meblojn, sur alia 6 fruktojn kaj tiel plu.

Sur 6 kartetoj, grandaj kiel la opaj fakoj (4 x 4,5 cm), skribu la nomon de la objektoj en Esperanto!

Faru tiom da kartoj, por ke ĉiu ludanto ricevu almenaŭ unu (pli bone du!) karton.

Dis'donu la kartojn po unu aŭ du! La kartetojn metu en ujon. Unue miksu ilin; poste, prenu la kartetojn unu post la alia, laŭt'legu sam'tempe la vortojn (aŭ tuj metu ilin en frazon, ekz. *seĝo:* Kiu havas *seĝon?* Kiu aĉetis *seĝon?* k.t.p.). Tiu, kiu havas la bildon sur sia karto, respondu: *„mi!"* Li ricevas la karteton kaj, per ĝi, kovras la fakon sur la karto, sur kiu estas la bildo. Se neniu respondas, la gvidanto flanken'metas la karteton, kaj prenas alian.

Fine, la gvidanto kontrolas la kartojn. Tiuj ludantoj, kiuj havas fako(j)n ne kovrita(j)n[2], skribu la vorto(j)n kvin'foje en kajeron.

*Rimarko.* La gvidanto ne atendu longe post la el'parolo de la vortoj!

1. apart'igu, on'igu/ 2. kiun li ne kovris.

# PRI LA MEZURADO



La komenco de la *matematiko*[1] re'iras al tiu momento, kiam la pra'homo konsciiĝis pri la diferenco[2] inter *1, 2, 3, 4, 5*... Verŝajne, ne unu certa prahomo venis al tiu ĉi kono, sed diversaj inteligentaj[3] prahomoj. Eĉ se, nun'tempe, tiu ĉi kono ŝajnas al ni primitiva[4], tiam, pra'tempe, ĝi signifis veran revolucion en la pensado.

El la nunaj partoj de la matematiko, la plej malnova parto certe estas la *aritmetiko*[5]. Ĝi ek'estis pro praktikaj bezonoj. La prahomo volis scii la nombron de siaj diversaj riĉaĵoj (dom'bestoj, fruktoj k.t.p.).

Kiam la prahomo ekkonis la ter-kulturadon, ekestis la bezono esprimi ankaŭ aliajn grandecojn krom nuraj nombroj. La *geometrio*[6] (greka vorto, kiu origine[7] signifas: ter'mezurado) evoluis[8] el la bezonoj certigi diversajn grandecojn de kampoj, kiuj tiam, en la unua tempo de ter'kulturado, komencis prezenti riĉaĵon.

Nur inteligenta prahomo povis ekkoni, ke, por esprimi longecon, estas necese havi malpli grandan longaĵon, kiun oni metas sur la mezurotan[9] longecon. Tiel ekestis la mezurado, kiu nepre estas „*pli supera*" ŝtupo ol simpla nombrado.

La homo baldaŭ rimarkis, ke ekzistas ankaŭ aliaj grandecoj, kaj ke ili estas mezureblaj. Se, ĉe longeco, la elekto de la mezurunuo estis liber'vola, por tempomezurado la mezur'unuo venis rekte de la naturo: tio estas la tagnokto. Tiun ĉi tempo'daŭron oni partigis je 24 horoj.

Baldaŭ ekestis bezono havi plurajn mezurunuojn por la sama ideo. La mezurunuo, taŭga por longeco de ŝnuroj, estis tute ne taŭga por longeco de kampoj kaj riveroj. Ili esprimiĝis per grandegaj nombroj, kiuj estas ne'oportunaj[10]. Ili for'timigas.

Komparu eĉ nun: se mi diras, ke la distanco dis'de la najbara urbo estas 4,000.000 da milimetroj, ĉiu iom'ete ektimas. Sed kiam oni konsciiĝas, ke tio estas 4 kilometroj, tiam oni estas kontenta.

Precipe la *fiziko* ricevis novajn mezurunuojn. Ĝi nepre bezonas ilin por siaj esploroj. La mezurunuoj ofte havas nomojn laŭ diversaj fizikistoj. Elektristoj ekzemple uzas la unuojn: VOLT, AMPER, OHM, kaj ili ne ĉiam pensas, ke, origine tio estas nomoj de famaj fizikistoj.

Oni sistemigis[11] la mezurunuojn, tiel ke la *obloj* de la fundamenta mezurunuo havu la samajn prefiksojn: DEKA- *(dekoblo)*, HEKTO- *(centoblo)*, KILO- *(miloblo)*, MIRIA- *(dek'miloblo)*, MEGA- *(milionoblo)*; simile *onoj:* DECI- *(dekono)*, CENTI- *(centono)*, MILI- *(milono)*, MIKRO- *(milionono)* kaj ceteraj.

Nun la mezurado estas aparta scienco. Por preciza mezurado oni bezonas malsimplajn aparatojn. Ni jam estas malproksime de tiu prahomo, kiu unua-foje paŝis sur vojeto kaj ekkriis venko'plene: „Tiu ĉi ir'vojo estas tri'cent paŝojn longa; ĝi estas pli longa ol tiu, kiu mezuras nur du'cent paŝojn!"

J. CHVOSTA (ĥvosta)

1. scienco pri nombroj, reguloj de kalkulado/ 2. mal'sam'eco/ 3. saĝaj, pensemaj/ 4. tro simpla/ 5. branĉo de matematiko, kiu okupiĝas pri kalkulado/ 6. alia branĉo de matematiko; ĝi okupiĝas pri linioj, formoj/ 7. komence, de'vene/ 8. venis, kreskis/ 9. kiun oni mezuros/ 10. ne'facile uzeblaj/ 11. ar'igis





La plej granda muzeo (bild'ar'ejo) de la mondo troviĝas en la Vintra Palaco[1] de Leningrado „*Ermitejo*". Por viziti ĉiujn 322 halojn[2] de tiu ĉi unika muzeo, necesas marŝi 25 kilometrojn. Ĝi entenas ĉirkaŭ 3 milionojn da art'verkoj.

## *PONTO INTER EŬROPO KAJ AZIO*

*Apud la ĉef'urbo de Turkio, super la mar'kolo de Bosporo, oni konstruas ponton. Ĝi kunligos la Eŭropan parton de Turkio kun la Azia. Tiu ponto ne havos pilieron[3] en la mar'kolo, kies larĝeco estas unu kilometro. La ponto pendos per du kablegoj[4]; ĉiu, el ili, konsistos el 11 200 metal'fadenoj[5]. La turoj, kiuj sub'tenos la kablegojn, havos distancon de 1074 metroj. La konstruado de la inter'kontinenta pontego ĉe Istambulo finiĝos en la nuna jaro.*

## JUNA LINGVISTO

*Zamenhof,* la aŭtoro[6] de Esperanto, jam kiel gimnazia[7] lernanto kreis lingvon. Ĝi nomiĝis *„lingwe uniwersala"*. El ĝi, post'restis nur 4-versa verketo, la himno[8] de la lingvo, kiun — laŭ letero de Zamenhof mem — kelkaj klas'amikoj kune kantadis en la loĝejo de Zamenhof. Ili promesis lerni la tut'homaran lingvon.

## *LA PLEJ MALLONGA LETERO*



*La plej mallongan leteron de la mondo skribis Victor Hugo (viktor igo). Kun la manuskripto[9] de sia fama romano[10] „La mizeruloj[11]", li sendis al la eldonisto leteron kun la sekva enhavo:*

*— ?*

*La respondo estis tiel same mallonga:*

*— !*

# interesaĵoj

1. granda, belega domo/ 2. ĉamregojn/ 3. sub'tenan kolonon de ponto/ 4. metalaj ŝnuregoj/ 5. maldikaj ŝnuroj el metalo/ 6. homo, kiu verke kreis ion/ 7. gimnazio: speco de mez'lernejo/ 8. festo'versaĵo; ofte oni kantas ĝin/ 9. libro, kiun la aŭtoro skribis per mano/ 10. longa literatura verko ne'versa/ 11. malriĉuloj, kiuj meritas kun'senton.



# MENSOGULOJ[1]

Foje, kun'venis kvar viroj, grandaj majstroj[2] de la mensog'ado.

„Ĉu vi aŭdis?" komencis la unua. „Mi estis en teatro, kaj, pro plen'eco, oni aplaŭdis[3] ne en horizontala direkto, sed nur en vertikala."

„Tio estas kred'ebla", al'donis la dua, „ĉar mi mem ĉe'estis en teatro, kiam pro plen'eg'eco oni ne povis ridi en horizontala direkto, nur en vertikala."

„Tio estas nenio", rimarkis la tria. „Kiam mi estis en Afriko, mi vidis negron[4], tiel nigran, ke oni devis bruligi kandelon[5], por vidi lin."

„Jes, jes", diris la kvara. „En Anglio mi vidis fraŭlinon, kiu, pro maldik'eco, devis du'foje veni en la ĉambron, por ke oni povu ek'vidi ŝin."

M. SOLOVJEV

# ĜENTILA USON'ANO

Dum kongreso, scienc'ulo el Usono faris longan prelegon[6] en Parizo. Kiam li finis ĝin, neniu aplaŭdis[3]. La Usonano estis tre malkontenta, kaj decidis doni al la francoj lecionon pri ĝentileco.

Post li parolis franco, kaj la Usonano entuziasme aplaŭdis, post preskaŭ ĉiu frazo.

„Sinjoro, kial vi aplaŭdas?" demandis iu homo la Usonanon. „Ĉi tiu homo estas ja nur interpretisto[7], kiu interpretas vian prelegon en la franca lingvo."

El la germana tradukis A. ROGOV

1. homoj, kiuj diras malveron/ 2. homoj, perfektaj en sia laboro/ 3. kun'frapadis la manojn pro ĝojo/ 4. nigr'ulon/ 5. malmodernan lumig'ilon/ 6. paroladon antaŭ publiko/ 7. tradukisto de prelegoj, interparoladoj.



LA KASTORA KLUBO DE ESPERANTO

ATESTILO

Mi atestas, ke Susan McLeary

en Bridlington, Anglujo

plenumis la necesajn postulojn kaj estas elektita

Ora Kastoro

Dato 11/III/70

J. Sullivan

Ĉefa Kastoro

# KASTORA LETERO

## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj,*

*Dum mi preparis ĉi tiun Kastoran Leteron, mi rigardis tra la malnovaj numeroj, kaj mi vidis iom strangan[1] aferon. Post la 2-a numero (junio 1965), mi ĉiam komencis miajn Leterojn per la vortoj „Miaj karaj Kastoroj", sed en la n-ro (numero) 1 (aprilo 1965) kaj n-ro 2, mi komencis per la vortoj: „Kara Juna Amiko!" Strange, ĉu ne? Mi certe ne havis tiam eĉ la plej malgrandan ideon, ke post ok jaroj la KASTORA LETERO aperos kiel parto de la gazeto JUNA AMIKO.*

*Kredeble, kelkaj el vi, dum vi legos ĉi tiujn paĝojn, sentos la mankon de la iom pli „persona letero", kiun vi ricevis antaŭe. Sed mi petas vin kredi, ke dum mi skribas, mi ankoraŭ penas, kiel ĉiam, pensi pri ĉiuj niaj Kastoroj. La sola vera malbonaĵo estas, ke mi devas verki la leteron pli frue. Sed la amikaj sentoj ankoraŭ estas egale sinceraj!*

*La Ĉefa Kastoro*

## KIO ESTAS „KASTORA LETERO"?

En ĉi tiu *Kastora Letero* (la unua, kiu aperas sur la paĝoj de JUNA AMIKO), mi esperas, ke la anoj de la *Kastora Klubo* pardonos al mi, se mi komencas per klarigo por la aliaj legantoj de la gazeto.

Por ili, do, mi klarigas, ke ĝis nun la *Kastora Letero* estis la modesta bulteno[2] de la *KASTORA KLUBO de ESPERANTO,* kiu estas internacia klubo por geknaboj, kiuj scias aŭ lernas Esperanton. Vi legos ĉi-sube, kial ĝi ĝuste portas la nomon *Kastora Klubo,* sed unue, mi volas klarigi, kiel ĝi funkcias.

Malsimile al la pli'multo de kluboj, la an'eco al *Kastora Klubo de Esperanto* estas sen'paga; sed, por an'iĝi, vi devas lerni (kaj parkere ripeti al via Esperanto-instruisto) ĉi tiun tri'opan promeson:

*„Mi promesas diligente lerni Esperanton";*

*„Mi promesas ĉiam porti la verdan stelon";*

*„Mi promesas ĉiam konsideri ĉiun alian homon kiel fraton, de kiu ajn raso[3], koloro aŭ kredo li estas."*

Kiam vi faris tion, petu vian instruiston, skribi al la Ĉefa Kastoro (adreso: *3 Berwick Avenue,* Urmston; MANCHESTER, M31 1PS; *Anglio),* kaj certigi, ke vi bone ripetis la promeson. La instruisto devas doni *(a)* vian familian nomon; *(b)* vian personan nomon; *(c)* vian adreson; *(ĉ)* ĉu vi estas knabo aŭ knabino; *(d)* vian naskiĝ'daton.

La Ĉefa Kastoro poste sendos al vi atestilon pri via aneco, kun la komenca rango de *Kastoreto.* Sed vi certe ne deziros resti longe en tiu malalta rango! Kaj vere, vi ne rajtas resti Kastoreto dum pli ol unu jaro, ĉar ni esperas, ke antaŭ la fino de tiu tempo, vi jam atingos pli altan rangon. La unua „plena" rango estas tiu de *Bruna Kastoro;* kaj, post tio, vi povos atingi la rangon de *Arĝenta*[4] *Kastoro,* kaj, fine, la rangon de *Ora Kastoro.*

## KIEL ATINGI PLI ALTAJN RANGOJN?

Por atingi ĉi tiujn rangojn, oni devas plenumi jenajn kondiĉojn:

*BRUNA KASTORO*

1. ***devas plenumi, unue, la kondiĉojn por Kastoreto;***
2. ***devas lerni (kaj parkere ripeti) la unuajn ok liniojn de „La Espero";***
3. ***devas korespondi kun almenaŭ unu ali'landa esperantisto (vidu A).***

*ARĜENTA KASTORO*

1. ***devas plenumi, unue, la kondiĉojn por** Bruna Kastoro;*
2. ***devas lerni (kaj parkere ripeti) dek versojn de iu Esperanta poemo krom „La Espero";***
3. ***devas korespondi kun almenaŭ du alilandaj esperantistoj (vidu A);***
4. ***devas aboni almenaŭ unu Esperanto-gazeton (vidu B).***

*ORA KASTORO*

1. *devas plenumi, unue, la kondiĉojn por Arĝenta Kastoro;*
2. *devas lerni (kaj parkere ripeti) la tutan himnon[5] „La Espero";*
3. *devas korespondi kun almenaŭ tri alilandaj esperantistoj (vidu A);*
4. *devas partopreni ian nacian aŭ internacian Esperanto-Kongreson, aŭ viziti esperantistojn en alia lando.*

*A:* povas esti infano aŭ plen'kreskulo (ekzemple Onklo aŭ Onklino Esperantista);

*B:* povas esti la gazeto *Juna Amiko!*

Kiam via instruisto certigos, ke vi atingis novan rangon, vi ricevos novan atestilon; kaj mi esperas, ke ni baldaŭ sukcesos havi specialajn insignojn por ĉiuj „plen'rangaj" Kastoroj, nome Brunaj, Arĝentaj kaj Oraj.

## KIEL LA KLUBO RICEVIS SIAN NOMON?

*Nia klubo havas sian nomon, ĉar ĝi unue estis nur Esperanto-klubo en la lernejo „Egerton Park" en la angla urbo Denton (urbeto apud Manchester), kaj la insigno de la lernejo en'havas la bildon de kastoro.*

*Eĉ multaj homoj, en Denton mem, ne scias, kial kastoro estas en la insigno! Ĝi estas pro la fakto, ke la malnova ĉefa industrio de la urbo estis la fabrikado de ĉapeloj. Por tio, oni multe uzis la felon de la kastoroj.*

## PRI LA KASTORO

*Dum la vivo de la Kastora Klubo, pluraj personoj dubis[6], ĉu la kastoro estas inda besto por doni la nomon al klubo por geknaboj. Sed mia respondo estas: „Jes!" Ĝi vere estas besteto admirinda[7] kaj admirata[8] pro sia diligenteco kaj konstru'lerteco.*

*La kastoroj, per siaj akraj dentoj, faligas arbojn, kaj uzas ilin, por konstrui barilojn sur riveretoj, por formi lagetojn por si. En tia lageto ili konstruas — ankaŭ per arbo'trunkoj kaj branĉoj — loĝejon por si. Konstrui la barilojn kaj loĝejojn, kaj teni ilin en bona stato, estas sen'ĉesa laboro, kaj pro tio, la angla diraĵo „labori kiel kastoro" estas marko de aprobo[9].*

KASTORA LETERO:

1. ne'kutiman/ 2. informilo/ 3. ĉiuj homoj de unu pra'familio/ 4. arĝento: peza blanka metalo (Ag), malpli valora ol oro/ 5. festa versa verkaĵo/ 6. ne estis certaj, ne volis kredi/ 7. inda je entuziasmo/ 8. kion oni admiras/ 9. diro, ke io estas bona.

PETŐFI:

1. Ŝaandor Petoefi/ 2. verkisto de versaĵoj/ 3. kelkaj frazoj antaŭ literatura verko, ili enhavas la ĉef'ideon de la verkisto/ 4. oni tradukis ĝin/ 5. /donas por io/ 6. vivofajron.



## *Sândor Petőfi*[1]

*Antaŭ 150 jaroj, en 1823, naskiĝis S. Petőfi, mond'fama hungara poeto[2]. Li mortis juna, en la liber'batalo de la jaro 1849.*

*La suba versaĵo de S. Petőfi estas moto[3] de lia vivo'verko. Ĝi estas tradukita[4] en 48 lingvojn. Kun bela muziko de sam'ide'ano V. Heimlich (hejmliĥ), ĝi restu agrabla memoro pri la granda poeto de la monda libereco.*

# KANTU!

## LA AMO, LA LIBER'

Tradukis: K. *Kalocsay* (kaloĉai) Muziko: *V. Heimlich*





1. ejfel/ 2. est'igis penson/ 3. tutmonda/ 4. publika el'montrado de varoj/ 5. mon'helpon/ 6. mon'unuo/ 7. homo, kiu planas domojn aŭ maŝinojn/ 8. tre fiksa/ 9. metalajn fiksilojn/ 10. publikaj manĝejoj/ 11. tre malgrandaj vendejoj/ 12. grandaj kesto'formaj leviloj en altaj domoj/ 13. ĉirkaŭira/ 14. signoj, kiuj havas certan signifon por ĉiu/ 15. flug'maŝinistoj/ 16. scienco pri la vetero/ 17. objekto aŭ desegno, kiu estigas la saman ideon en ĉiu homo.

# LA EIFFEL[1]-TURO

Ekster'land'anoj, kiuj venas al Parizo, unue deziras vidi ĉi tiun mond'faman turon. Ĝi inspiris[2] multajn artikolojn kaj kantojn.

Oni konstruis ĝin por la Pariza Universala[3] Ekspozicio[4], en la jaro 1889. Oni deziris montri, per ĝi, la venkon de fer'konstruado. La franca registaro donis subvencion[5] de unu miliono kaj duono da francaj frankoj[6] al inĝeniero[7] Eiffel. La turo kostis 7 milionojn kaj 800 000 frankojn. (La en'irprezo, en 1889, sufiĉis, por kovri tiun koston.) Oni komencis la konstruadon je la 28-a de januaro, kaj finis ĝin je la 31-a de marto 1889.

Ĉiu piedo de la turo (la kvar piedoj estas je distanco de 100 metroj unu de la alia) ripozas sur firma[8] fundamento. La konstruaĵo, 300 metrojn alta, bezonis 15 mil metalajn pecojn kaj 2 500 000 nitojn[9] por la kun'metado. 300 lertegaj homoj laboris por tio.

Multaj homoj estis kontraŭ la konstruado de la Eiffel-turo, kelkaj pro timo (pro malfido al la firmeco), aliaj skribis, ke la turo igos Parizon malbela! Dum pluraj jaroj, aperis multaj kritikoj. Post 1900, oni foje parolis pri mal'konstruado.

La turo havas tri etaĝojn: 57 m (=metroj) la unua, 115 m la dua, 276 m la tria. Super la tria, estas ĉambro kaj lum'turo; sed la vizitantoj supren'iras nur ĝis la tria etaĝo. Miloj da vizitantoj, ĉiu'tage, supreniras la turon. Sur la etaĝoj estas restoracioj[10], kaj budoj[11], en kiuj oni vendas multajn diversajn memoraĵojn. Du liftoj[12] kondukas al la dua etaĝo, ĉiu por 100 homoj. Alia lifto funkcias inter la dua kaj tria etaĝoj. Kiu volas supreniri piede, tiu povas uzi ŝtuparon el 347 ŝtupoj ĝis la unua etaĝo, 327 ŝtupoj ĝis la sekva. De la dua etaĝo ĝis la pinto, kondukas spirala[13] ŝtuparo el 1036 ŝtupoj, sed nur por la gardistoj.

De sur la unua etaĝo, oni vidas la tutan urbon Parizo. De sur la tria, kiam la vetero estas bela, oni vidas ĝis 80 km (kilometroj) ĉirkaŭ Parizo. Plej ofte, unu horon antaŭ sun'sub'iro, la videbleco estas plej bona.

La Eiffel-turo estis tre utila, unue por lumaj signaloj[14] (la aviadistoj[15] povas vidi la lumon de ĝia turo ekde 200 km!), kaj ankaŭ por la meteologio[16] kaj por aliaj fizikaj esploroj. La unua arta dissendo de „Radio Eiffel" okazis en 1922. Oni faris tie, en 1934, ankaŭ la unuajn televidajn provojn.

Multaj malĝojaj kaj amuzaj aventuroj okazis sur la Eiffel-turo.

Por multaj homoj, tiu turo estas simbolo[17] de Parizo.

S-ino M. TURIN *(tiren)*

ABC POR KOMENCANTOJ



## ROMPU LA KAPON!

Ĉi-sube, ni prezentas al vi kelkajn vort'ludojn! Ili estas bona amuzaĵo dum amika kun'veno de junaj esperantistoj.

Ĉu ankaŭ vi provos vian lertecon?

1. *Kiu kurso estas la plej interesa?*
2. *Kiu lando estas la plej malgranda?*
3. *Kiu teko*[1] *en'havas pli da libroj, ol lernanto povas porti?*
4. *Kiun beton*[2] *oni ne povas manĝi?*
5. *Kiun turon admiras*[3] *plej multe da homoj?*
6. *Kies selon*[4] *oni povas manĝi?*
7. *Kia bono estas aĉetebla?*

***SOLVOJ:***

1. **eks*kurso*; 2. *ĵuglando*[5]; 3. *biblioteko*[6]; 4. *alfabeton*; 5. *naturon*; 6. *Petroselon*[7]; 7. bombono.**

1. man'sako por libroj, aktujo/ 2. manĝeblan dikan radikon de kelkaj legomoj/ 3. kaptas la atenton pro ne'ordinareco/ 4. sidilon sur la dorso de ĉevaloj/ 5. glob'forma frukto kun ost'eca ŝelo/ 6. libr'aro/ 7. blankan beton por supoj.

Antaŭ kelkaj jaroj, cignaro[1] flugis tra tiu ĉi regiono[2]. Ĝi haltis, por ripozi sur la malgranda lago, apud nia vilaĝo.

Estis frua mateno. La cignoj naĝadis, pur'ig'adis al si la plumojn, kaj laŭte kriadis. Poste, la infanoj, kiuj vekiĝis, al'portadis panon, kaj — de malproksime — ĵetadis pecetojn al la birdoj.

La cignoj tra'noktis tie, kaj en la sekva tago frue matene, kiam la tuta vilaĝo dormis ankoraŭ, ili kolektiĝis por plu flugi. Ili volis for'flugi tiel same sen'brue, kiel ili alvenis. Sed subita pafo rompis la silenton.

La timigitaj[3] cignoj leviĝis, sed unu vundita[4] birdo restis sur la bordo. Post kelka tempo, unu el la flugantaj cignoj apartiĝis, re'venis, kaj longe flugadis super la mortigita[5] amiko.

Oni aŭdis ĝian strangan[6] veadon[7], kiun aŭskulti neniu povis sen larmoj[8]. Poste la cigno forflugis.

Eble, ĉiu forgesus la okazaĵon, sed precize post unu jaro, en la sama tago kaj horo, cigno al'flugis al la lago. Ĝi venis sola, kaj kantis la saman malĝojan kanton. Ĉiu komprenis, ke ĝi estas, kiu perdis sian amikon ĉi tie.

Kaj jen, jam la kvaran aŭtunon ĝi reflugas tien ĉi... Oni al'kutimiĝis al ĝi, atendas ĝin.

Ĝi ne forgesis pri la pafo, tamen ĝi revenas.

**Laŭ la rakonto de E. AŬERBAĤ** el la rusa tradukis *G. Kurucz.*

# FIDELECO



ABC POR KOMENCANTOJ

1. cigno: granda blanka birdo kun S-forma kolo/ 2. land'parto/ 3. kiujn oni tim'igis/ 4. kiun oni vundis/ 5. kiun oni mort'igis/ 6. neordinaran/ 7. ve!: ek'krio pro doloro/ 8. akvo'gutoj de la okuloj.

# LA FOSILOJ

## Malnova franca fabelo

ABC POR KOMENCANTOJ

Antaŭ multaj jarcentoj, iu franca reĝo ven'igis tri laboristojn, kaj li diris al ili:

„Gravan premion mi donos al tiu, kiu fosos la plej longan sulkon[1]!"

La du unuaj laboristoj komencis disputadi[2] pri la meritoj de siaj fosiloj.

„Bona fosilo devas esti longa", diris unu.

„Ĝi devas esti larĝa", diris la alia.

Dum ili disputadis, la tria, per tute ordinara fosilo, fosis sian sulkon, kaj tiel gajnis la premion.

1. longan, ne'profundan fosaĵon/ 2. akre inter'paroladi, mal'pac'iĝi.

# SENEKZEMPLA SUKCESO

*Mark Andrew Spitz* (mark andrju ŝpic) — nacia ĉampiono[1] de naĝado en la aĝo de 16 jaroj; gajninto[2] de 5 Usonaj rekordoj[3] (2 mondaj) en sia 17-a jaro; kaj mond'ĉampiono, kun 7 oraj medaloj[4] ĉe la Olimpiaj ludoj en *Munkeno,* kiam li havis 22 jarojn.

Kiel li fariĝis sen'ekzempla rekordulo?

Kiam li havis 8 jarojn kaj duonon, la patro sendis lin al lecionaro de publika naĝejo, apud ilia hejmo, en norda *Kalifornio.* Baldaŭ li ekzercis sin dum 5, poste dum 10 horoj ĉiu'semajne.

Por ke *Mark* ricevu la plej bonan instruadon, la familio du'foje trans-loĝ'iĝis, kaj, dum 5 monatoj, la patrino veturigis lin 64 kilometrojn ĉiu'tage.

En la aĝo de 14 jaroj, *Mark* mem decidis esti ĉampiono.

Nur perfekteco kontentigas lin. „Mi ne naĝis laŭ mia kapablo[5]; tiu ĉi konkurso estis la plej malbona en mia vivo", li plendis[6] post la Olimpiaj ludoj en *Meksikio.*

En la somero, antaŭ la Munkenaj ludoj, li naĝis ĉiutage 8500 metrojn, dum 4 horoj kaj duono. Tiu'tempe, li diris: „Mi jam naĝadas 14 jarojn. Mi deziras el tio nur rekordojn kaj unu oran medalon; kaj post tio, mi eks'iĝos dum mi ankoraŭ estas gajnanto."

S-ino D. HOLLAND (holend)

1. unua en sporta konkurso/ 2. kiu gajnis/ 3. la plej altaj sport'atingoj/ 4. metalaj rondaj pendaĵoj por ĉampionoj/ 5. povo fari ion/ 6. parolis kun malkontento.



Multaj gelernantoj deziras korespondi kun la tuta mondo. La leterojn adresu al: *Enjo Daskalov,* bul. Lenin 13. ap. 40. VRACA, *Bulgario.*

13-jara hungara lernantino de Esperanto-klaso serĉas leter'amikojn. Adreso: *Palma Luksch,* Váci út 131. H-1138 BUDAPEST, *Hungario.*

14-jara litova knabo deziras korespondi pri sporto kaj kosmo. Skribu al *T. Vilumaa,* str. Kleinerio 23-49; SU — 235400 ŜIAULIAI, *Litovio.*




Kolektas kaj inter'ŝanĝas poŝtmarkojn, alumet'etikedojn kaj insignojn *Juzenas Donatas* (14-jara lernanto), str. V. Kingisreppa 33-5. SU — 202900 VILJANDI, *Estonio.*

SOLVOJ:

I. *Ankaŭ ili partoprenis la Festivalon:* 1. Arabo, 2. Indonezia fraŭlino, 3. Fraŭlino el Etiopio, 4. Vjetnamino, 5. Peruano, 6. Rusino, 7. Jamaikano, 8. Fraŭlino el Borneo.

II. *La rano kaj la cikonio.* Jen la 8 diferencoj: 1. La papilio perdis unu sian antenon. — 2. La fiŝo forgesis, pro timo, formi du aer'globetojn. — 3. La akvo'floro perdis sian trunketon. — 4. La nazo de la suno. — 5. La beko de la cikonio. 6. La rano perdis unu piedon. — 7. La naĝilo de la fiŝo. — 8. Kiam vi rigardis la nazon de la suno, ĉu vi ne rimarkis, ke sub ĝi ankaŭ la nubo diferencas?


JUNA AMIKO

Sub aŭspicio de ILEI
Internacia Lernaja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest 5. Pf. 193.). Respondeca redaktoro: BÉLA BERCELI. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *Ch. Fettes* (Irlando), *A. Grela* (Pollando), *J. Hamvai* (Nov-Zelando), *L. Jevsejeva, B. Kärt* (Sovetunio), *E. Linz* (Brazilo), *U. J. Moritz* (GFR), *R. Okumura* (Japanio), *G. Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehoriĉ* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio). Grafikistoj: *J. Klement* (Ĉeĥoslovakio), *I. Mórocz* (Svislando), *S. Plugor* (Rumanio), ges-roj *Váli* (Hungario). Lingva revizio: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedélyével egyszeri kiadás.
Dürer Nyomda, Gyula

# humuro

ABC
POR KOMENCANTOJ

## DUM LERNO'HORO

„Mi ofte vidas min en sonĝo kiel profesoron[1]. Kion fari, por ke miaj sonĝoj realiĝu?"

„Malpli dormi!"



## PRI LA MUSOJ



*Instruisto:* „Diru, ĉu la musoj vivas longe?"

*Lernanto:* „Tio dependas de la katoj."

1. instruiston en superaj lernejoj/ 2. danĝera sovaĝ'besto/ 3. palmo: arbo de varmega ter'zono.

## LA TIGRO[2] KAJ LA PALMA[3] BRANĈO

„Sinjoro! Mi aŭdis, ke la tigro ne for'manĝas homon, se li portas palman branĉon. Ĉu vere?" diras Petro al la instruisto.

„Dependas de tio, kiel rapide li portas ĝin."

